INTERNACIA JARO XVIII, Marto 1979, N-ro 1



ĴURNALISTO

Organo de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

DO, AURORO!

„IĴ" reaperas! Ĝojinda novaĵo!

Dum la tempo de „IĴ" dormo okazis multegaj eventoj sur la Esperanto-scenejo. Nun oni povas revui ilin nur „panorame" en formo de "dokumenta filmo", grandsalte trakurante la scenejon, kvazaŭ okulglitante grandan mozaikan bildon. Estas mondeventoj kiel la eksterordinare sukcesaj du lastaj UK-oj (62-a en Reykijavik kaj 63-a en Varna). Sed estis ankaŭ pli modestaj, malpli „blindigaj", tamen grandaj en sia kumula forto eventetoj kaj okazintaĵoj, kiel sukcesoj en Irano aŭ en Afriko, strebanta al vera memstareco, aperis novaj libroj, radiodisaŭdigoj, gazetoj, artikoloj, seminarioj, simpozioj, renkontoj, kunvenoj ktp. Inter ili ne lastan lokon okupas la kreo de ASE (Asocio de Sovetaj Esperantistoj).

Sed, observante la tutan rapide kalejdoskopantan scenejon, multaj el la E-ĵurnalistoj donas tute diversan komenton al la realo. Plej ilustre la perspektivojn de estonto (kaj ankaŭ proksima, en tiu nombro) esprimas en „Budapeŝta Informilo" du ĝiaj elstaraj ĵurnalistoj, nome Geza Kurucz kaj Otto Haszpra.

Geza Kurucz vidas stagnon de la movado mondskale, sciuran kuron en la „sorĉa ringo", el kiu „trarompo" estas nur en kreo de „kvinlanda alianco esperantista". Laŭ opinio de la aŭtoro tiu E-avangardo movos la tutan pezan ĉaron de la monda E-movado universale, donos al ĝi tiel potencan puŝon antaŭen, ke por ĉiuj momente iĝos klara, senduba kaj nedisputebla forto kaj bono de E-kaŭzo. Kaj ĉiuj obstakloj falos, la popolanoj malblindiĝos kaj estos atingata dolĉa stato, dia beato...Multaj legantoj esprimis dubon pri la proponata panaceo, sed la aŭtoro kun tia obstino daŭrigas siajn asertojn, ke oni klare vidas profundan konvinkecon.

Otto Haszpra, kontraŭe, staras sur reala pozicio, kvankam lia propono entenas grandan malfacilon de efektivigo. Lia respondo estas simpla, logika kaj konvinka: la nuna epoko estas epoko de scienco kaj tekniko, se jam scienco-tekniko elpasas kiel produktiva forto. Sekve la E-istoj.

se ili ne volas postresti, devas rapide reorientiĝi por ellasi en la unuan, gvidan kaj batalan pozicion la SCIENCON. Kiel la ĉefan forton de progreso-stimulo li proponas krei Esperanto-Akademion de Sciencoj. Ĝis nun Esperanta Akademio estas areopago de LINGVO-SPERTULOJ. Kaj nun temas pri kreo de grupo de SCIENCO-SPERTULOJ, ne sole kaj ne ĉefe lingvajn, sed principe natursciencajn, kiuj nun aperas, malaperas, kelkaj restas, kelkaj faras, sed dise kaj amatorece. Vere, dum la lastaj monatoj abundas sciencaj aranĝoj (Marilja Scienca Konferenco, Zilina Scienca Simpozio, Varsovia Studenta Seminario, Paderbornaj Iniciatoj, Namura Cibernetika Kongreso, Timisoara Scienca Bulteno, Budapeŝta Konferenco, Ahrenchoopa Seminario, artikolo en Akvoresursa Usona Bulteno, multaj universitataj iniciatoj, Hungara „Farmacio“ kun E-resumo ktp).

Sed krom publikitaj paroloj kaj rezonoj, krom la esprimitaj du perspektivaj „futuroliogiaj“ prezentoj estas ankaŭ „La tria mondo“ en Esperantujo, kie oni silente, sen bruo kaj rumoro kaj sen ĵurnalistaj dislegigoj, disvidigoj kaj disaŭdigoj faras sian malgrandan paŝon-post-paŝan „formikan“, etan unuope, sed gigantan kumule kontribuon.

En tiuj cirkonstancoj, certe, estas grave de ĝenerale E-ĵurnalista pozicio kaj vidpunkto aprezi ĉiujn ireblajn vojojn kaj propone montri, kie estas la grava ĉenero, movenda por akceli avancon de la tuta ĉeno.

Pri profunda erareco de la vojo, proponata de s-ano G.Kurucz, ankoraŭ sendube estos paroloj. Mi nur volas diri, ke fakte, organizante la „kvinlandan E-aliancon“, li splitigos la E-movadon de la socialismaj landoj. Tiel konstruita sur fantaziaj premisoj, la vojo, proponata de G.Kurucz, estas „vojo nenien“. Kaj tial seriozan prikonsideron ĝi ne meritas.

Tre trafe respondis al G.Kurucz s-ano Michael Lennartz, kiu notis tri ĉefajn direktojn, laŭ kiuj devas sekvi la E-movado: A - amasa laboro; B - scienco; C - politiko. Kaj tio ne estas „trarompo el la sorĉa ringo“, sed normala progresa antaŭenmarŝo per vasta spaliro.

En unu el miaj eseoj mi montris, ke la sukcesoj de Esperanto fontas kaj fundamentas sin sur la eminenta bazo - sur la primara lingvo - la lingvo, facile eksposedebla por la simpla popolo. Tiu fakta demokrateco de la tuta lingvoaranĝo aŭ inica lingva „sistemoprocedo“ kondiĉas disvastiĝon inter la grupo de senpretendaj simplaj entuziastoj, senrangaj kaj senmoŝtaj, forminte la „E-popolon“ - tiun kernon, kiu en ĉiu lingvo formas la „silikan“ truson. Kaj sur la truso elkreskis la lingvo de arto, politiko, tekniko, kronata nuntempe per la lingvo de scienco. Tiamaniere, starante sur tre firma kaj korekta (fakte „ferbetona“) bazo, skizita de M.Lenndrtz, oni povas jenmaniere formuli la plej aktualajn

taskojn por la E-ĵurnalismo en la nuna momento, por ke ĝi trovu respegulon en la E-gazetaro:

A. Ĉiuforte, ĉiuforme, ĉiuloke akceli la laboron de la simpla E-popolo(korespondaj ligoj, laborbrigadoj, kursoj, kluboj, renkontoj, interŝanĝo de sperto, buŝa kaj skriba propagando ks.).

B. Scienco. Binan laboron faras la kolegoj aktivantaj en interlingvistiko-esperantologia-kampo. Sed tio estas anguleto de scienco. Gravas la tuta scienco kaj unuavice la natursciencо (kaj en ĝi- unua ŝtupo la scienca informado). Do, la herolda laboro de Haszpra kaj la streboj de Zilin-aktivuloj (Nemec, Zvara, Bednarik, Fritsch) estas vojmontriloj. La kreo de E.Akademio de Sciencoj estas jam plene maturiĝinta iniciato, ĝian kreon devas preni sur sin ISAE, la kolektivo, grupiĝanta ĉirkaŭ „Sciencaj Komunikaĵoj" kaj „Scienca Mondo" kaj aliaj. Eble la fondon de EA de Sciencoj necesus pristudi dum 64 UK.

C. Politiko-arto-tekniko. Antaŭ ĉio staras vasta neceso koncentri maksimumajn E-fortojn en porpaca kaŭzo kaj serioze eniri al sferon de ligoj en kadroj de ĝemel-urboj. Praktike alpaŝi al kreo de iuj praktikaj formoj de ekzistanta aktivado en libroverkado, precipe teknikajn kaj belartajn.

Tiaj estas la pensoj kun kiuj oni sin turnas de la paĝoj de „Internacia Ĵurnalisto" al la rondoj de E-ĵurnalistoj.

N.Danovskij

* * *

LAU LA STATUTO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO, EN LANDOJ, KIE ESTAS ĜIS 5 TEĴANOJ, ONI ELEKTAS UNU REPREZENTANTON DE TEĴA, KIE ESTAS PLI OL KVIN, ONI ELEKTAS UNU KOMITATANON DE TEĴA, KIUJ GVIDAS LA ASOCIAJN AFEROJN. ONI BONVOLU TUJ ELEKTI SIAJN REPREZENTANTOJN AU KOMITATANOJN KAJ SCIIGI ILIAJN ADRESOJN AL LA ESTRARO. ALIMANIERE LA ESTRARO DE TEĴA MEM NOMOS PROVIZORE LA REPREZENTANTOJN AU LA KOMITATANOJN.

* * *

Membroj de TEĴA, bonvolu sciigi vian adreson al la redakcio de „INTERNACIA ĴURNALISTO" kaj pagi la membrokotizon al la ĝenerala sekretario!

GRAVA SUKCESO DE LA SOVETAJ ESPERANTISTOJ

En Moskvo fondita Asocio de Sovetaj Esperantistoj

Ĝojiga informo el Moskvo: la 14-an de marto 1979 tie okazis grava kunveno. En ĉeesto de cento da delegitoj kaj gastoj, tiun tagon en la soveta ĉefurbo fondiĝis Asocio de Sovetaj Esperantistoj. D-ro Mohamet Isaev, eminenta lingvisto kaj esperantologo, fariĝis la unua prezidanto de la nova organizaĵo. Inter la gvidantoj de la Asocio troviĝas pluraj konataj Esperanto-aktivuloj en Sovetunio, kiel Boris Kolker, Aleksandro Koroleviĉ, Dmitrij Perevalov kaj Vladimir Samodaj.

Inter la fondintoj estas ankaŭ niaj membroj de TEĴA.

Ni salutas la sovetajn esperantistojn kaj tutkore bondeziras al ilia nova Asocio fruktodonan kaj sukcesan agadon por la prospero de nia esperantista kaj porpaca ideo.

Ni esperas, ke la E-ĵurnalistoj en USSR estos en la unuaj vicoj de la laboro de ASE!

* * *

EL LA E-GAZETOJ

„La Brita Esperantisto", N-ro 827/979

(R.Haupenthal interparolis kun William Auld)

ESPERANTO POSTVIVOS

- RH: Kiel vi konkrete vidas el la nuna perspektivo kaj el nia nuna situacio nian futuron?

WA: Pri la futuro mi estas certa, se temas nur pri la ekzisto de la lingvo. Kaj fakte iomete pri la fina venko mi ne tre kredas en la nuna konjunkturo. Nome, mi ne opinias, ke iun belan tagon la tuta mondo parolos Esperanton aŭ eĉ scios pri ĝi.

RH: Ĉu vi ne opinias tion katastrofa?

WA: Ne, mi ne estas unu el tiuj. Mi ne perdus mian intimecon. Mi simple milionobligus mian eventualan publikon kaj miajn verkojn.

RH: Ĉu vi opinias situacion ebla en kiu Esperanto malaperos?

WA: Jes. Sed mi ne atendas tion. Ĝi povas malaperi pro diversaj kaŭzoj, ekz. se oni detruus la civilizacio per atommilito. Tiam ne plu estus necesa Esperanto.

RH: Mi ne irus ĝis tia ekstremo.

WA: Ne. Nur en unu sola kazo, ke iu alia lingvo estus tutmonde akceptita kiel la natura mondlingvo, sed tion mi ne antaŭvidas pro la politika implikiteco de la naciaj lingvoj. Neniu nacio, neniu potenco permesos ke unu lingvo akceptiĝu. Mi ne estas sentimente ligita al Esperanto.

En la Ekstrema Oriento

KOREA DUONINSULO - BELA KAJ PITORESKA

FOTO - RAPORTAĴO

La proponon partopreni en tiu interesa ekskurso mi akceptis plezure. Kelkmilkilometra flugvojo, nekonata orienta lando kaj brava, laborema popolo. Jen kial nia ekskursa grupo elflugis per la soveta SU-567 al Moskvo, Sovetunio. Tie oni jam atendis nin. En aŭtobuso ni traveturis la grandegan, ĉiam renoviĝantan kaj belan ĉefurbon de Sovetunio, ĝuante la klarigojn de la afabla, elokventa kaj kompetenta gvidantino de „Intuist“ Kaj vespere, per la sama SU-567 nia bulgara grupo elflugis al Popoldemokratia Koreo.



La renovigita Phenjano - la universitato Kim, scienca palaco

La nokto estis mallonga, ĉar ni flugis kontraŭ la sunleviĝo. Sur la flughaveno de Phenjano oni renkontis tre afable nin: fama estas la afableco de la orientaziaj popoloj, kaj speciale de la koreanoj. En la ĉefurbo ni okupis belajn hotelojn. Dum la milito de popoldemokratia Koreo kontraŭ la sudkoreanoj kaj usonanoj Phenjan estas preskaŭ forviŝita de la tero. Dank'al la zorgoj kaj la laboro de la koreaj laboruloj Phenjano renaskiĝis kaj elkreskis el siaj cindroj kiel fenikso pli bela- belegaj loĝdomoj, lernejoj, teatroj, kulturpalacoj ĝardenoj kaj parkoj,

restarigitaj pagodoj ambaŭflanke de rivero Tedongan. La turista entrepreno montris al ni la gravajn vidindaĵojn - muzeojn, palacojn, pagodojn, teatrojn kaj teatraĵojn k.a.La urbo kaj la tuta lando estis ĉarme ornamitaj okaze de la glora nacia festotago - 30-a datreveno de la kreo de la popoldemokratia respubliko.



Ĉe la akvofalo „Naŭ drakoj"

Ni veturis per aŭtobuso kaj trajno tra la pitoreska montara lando laŭlonge de la korea (Flava) kaj japana maroj. Ni vizitis la urbojn Sarivon, Keson, Vonsan, la fama landlima Panmiĝon (38-a paralelo), kie ni vidis multajn usonajn militistojn.

Ni surgrimpis Kimgansan (Diamantaj montoj) kun 12 mil pintoj, la 70 m.akvofalo „Naŭ drakoj", sur monto Manmulsan-rokoj kun 10 mil fenomenoj. Sur monto Tesanson (apud Phenjano) ni vizitis la zooparkon kaj la amuzejan urbeton. Ni vidis modernajn uzinojn, agrikulturajn kooperativojn, lagojn, somerumejojn (u.Kimgansan), rizkampojn, fruktĝardenojn kaj ĉie - la modestan, sed laboreman kaj demokratan korean popolon.

Nia restado estis dum kaj post la festotagoj. Bonevestitaj viroj kaj virinoj, gejunuloj, ĉiam kantantaj gelernantoj, infanoj kiel papilioj, bonevestitaj, viceordigitaj marŝas kantante himnojn pri sia patrolando, pri la partio de la laboro, pri sia feliĉa nova vivo. Estus bone diri kelkajn pensojn pri la koreaj virinoj speciale. Ili estas treege estimataj, favorataj atente de la oficaj kaj ŝtataj organoj.

Ili estas bele vestitaj - ordinare kun diverskoloraj bluzoj kaj jupoj, iliaj hararoj - pompe kombitaj. La laborantaj virinoj foje en la semajno rajtas kombi kaj frizi siajn hararojn senpage. La virinoj havas ankoraŭ multajn laborkondiĉajn kaj aliajn socialajn faciligojn kaj rajtojn.

La homoj estas puraj kaj memdisciplinitaj, la stratoj ideale puraj, la trafiko - malgranda. Ĉio estas nova en koreaj urboj kaj vilaĝoj - la belegaj multetaĝaj loĝdomoj, la mebloj, la uzinoj, la vivo mem de la logantaro. Nur unu doloro turmentas ĉiujn - la dividita lando kaj forŝirita sudkorea popolo...

Multon ni vidis dum 17 tagnoktoj. Multon ni travivis. Mirinda lando! Pli mirinda estas la korea popolo: brava, liberecama, patriotisma, modesta kaj laborema, konstruanta sian socialisman patrolandon.

Kiel afable renkontis nian bulgaran grupon, tiel oni gvidis nin al la naturaj vidindaĵoj, al la muzeoj, kulturklerigaj domoj ka. Tiel ankaŭ oni adiaŭis nin sur la flughaveno.



La landlima Panminĝon. Videblaj estas la konferancejo, nordkoreaj kaj usonaj soldatoj, civitanoj kaj turistoj

Ni ekamis tiun popolon pli forte, pli sincere. Multaj el ni promesis reveni ankoraŭfoje ĉi tien. Estus bone ankoraŭfoje bani sin en la akvoj de la Pacifika Oceano, surgrimpi la Briliantajn montojn.

Kaj ĉirkaŭbraki la novajn koreajn amikojn. Bedaŭrinde, ni ne havis tempon serĉi koreajn esperantistojn.

Revene, per la granda flugbirdo soveta ni ree ekflugis. Jen la vasta iam mistera kaj nun fekunda kaj riĉa vasta Orienta USSR kaj Siberio. Interesa lando. Ni ĝuis la belecon de la fama kaj grandega lago Bajkal.



Estas necese fotografi sin antaŭ tiaj belaj, pitoreskaj, pagodsimilaj konstruaĵoj. Ili estas multaj en Koreo kaj adorataj de la popolo. En la Oriento oni vidus ilin ankaŭ en Ĉinio, Japanio, Vjetnamio ktp. Sur la foto estas precipe plenaĝaj bulgaraj turistoj.

Poste ni atingis Moskvon. Tie ĉi ni estas sur la Ruĝa placo, ĉe la maŭzoleo de la granda Lenin, ni promenis tra la belaj stratoj kaj placoj kun famaj monumentoj kaj domoj. Ni ĉeestis operspektaklon en la Kremla palaco. Kaj la sekvantan tagon la flugmaŝino bonsukcese alportis nin ĝis la sofia flughaveno, rekontitaj de miaj proksimuloj kaj amikoj.

Ni estis kontentaj, eĉ feliĉaj: agrabla kaj interesa ekskurso al la fora, Ekstrema Oriento.

Ivan Esperov

Ĵurnalistaj Novaĵoj

LA DUA KONFERENCO INTERREGISTARA PRI LA RIMEDOJ DE INFORMADO

Dum februaro j.k. en la ĉefurbo de Malaizio Kuala - Lampur sub la aŭspicio de UNESKO okazis internacia konferenco pri la politiko de l'amasa informado en Azio kaj Oceanio. Partoprenis ĝin reprezentantoj el 23 landoj kaj iuj internaciaj organizaĵoj.

Oni emfazis la neceson, ke la gazetara informado devas kontribui al la plifirmigo de la paco, de la amikeco kaj la kunlaborado inter la popoloj.

La ĝenerala direktoro de UNESKO, s-ro Amadou-Mahtar M. Bow ankaŭ substrekis la neceson plibonigi la interŝanĝon de informoj inter la evoluantaj landoj.

La registaro de Malaizio kunhelpis la konferencon.

POR LA ESTONTECO DE LA MONDO

Kiel sciate, la ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj proklamis la jaron 1979 Internacia Jaro de la Infanoj. Ĵurnalistoj en la tuta mondo energie kaj afable respegulas la por-infanajn informmaterialojn kaj aperigas materialojn en la gazetaro, radio, televido.

Kompreneble, la esperantistoj-ĵurnalistoj faras la samon, kontribuante al la efektivigo de la celoj de la internacia infanjaro.

ELDONITAJ ESPERANTO-BROŜUROJ

Nia redaktoro Ivan K.Esperov tradukis el la bulgara lingvo la libretojn „Ĉu vi konas Bulgarion?“(48-paĝa, ilustrita) kaj la grandformatan riĉenhavan - belaspektan „Bulgarino“ (38-paĝa) - jara eldono de la Komitato de Bulgaraj Virinoj). Ilin eldonis Bulgara Esperantista Asocio kaj disdonis al ĉiuj kongresanoj de 63-a UK senpage.

LA MEMBROJ DE TEĴA RE-ALIĜAS

Post la jarkinveno de TEĴA en Varna 1978, post la dissendo de nia estrara cirkulero kaj la septembra n-ro de „Int.Jurnalisto“ pluraj malnovaj membroj de nia Asocio perletere kontaktiĝis kun la redakcio de „IĴ“, esprimante siajn kontenton kaj ĝojon okaze de la revivigo de TEĴA kaj reapero de nia organo. Similajn leterojn ricevis ankaŭ niaj prezidanto O.Thormodsen kaj ĝenerala sekretario D.Fabris. Iuj kolegoj samtempe deklaris siajn realiĝon al TEĴA kaj promeson kunlabori al „IĴ“.

Esprimante nian dankon al tiuj kolegoj, ni petas ilin sendi al la redakcio de „IĴ“ la adresojn de iliaj konataj E-ĵurnalistoj, kiel faris tion la kolego N.Danovskij, kiu samtempe sendis kontribuaĵojn al nia redakcio. Ni sincere dankas al li pro liaj zorgemo kaj afableco.

La redakcio de „IĴ“ petas niajn kolegojn kaj membrojn ne prokrasti siajn kontribuaĵojn - artikoloj, eseoj, raportaĵoj, tradukaĵoj, poeziaĵoj, fotoj, karikaturoj ks.

* * *

## P O E Z I O

### Arija Elksne

Kio unu al alia
Pulsas nun el nia en'?
Bono, ŝimamaro fia,
Ĝojo, miskompren', ĉagren'?
Ĉiuj strebas ni teneron -
Kial estas da ĝi et'?
Ĉu ne estas sur la tero
Kromokupo mildobred'?
Ofte ĉe l'vekiĝ' koŝmare
Aspras de maten' angor'.
Mankas volo paŝon fari,
Al sunbril' ne trilas kor'.
Enterigu pase-tagon,
Se en ĝi omenis grak',
Ke pro ĝi en plor' ne plagu
Morgaŭ-tag' kaj nuna tag'.
Ni atendu vokon magan
De popoloj pord'-al-pord':
„Enterigu pase-tagon,
Kaj ekregu la konkord'!“
Helan horon tiun benan
Ĉu ne himni en poem-?
Por travivi ĝian venon
Ĉion mi fordonus mem.

### Aleksandro Ĉaks

Sen halt' mi sola pasos
Alternu piedo post la pied'
Kaj firme ritmu en kviet'
Dum sunascend' kaj nokta ŝed'
Trasonu via kant-ripet'.

Forigu ploron rid' kun net',
Malĝojon pelu danc-rondet'.
Dum sunascend' kaj nokta ŝed'
Trasonu via kant-ripet'.

La floroj de postheĝa bed'
Bremspovos movojn de la pied'.
Baston' ekstaru ĉe alnet',
Ekŝaŭmu vin' - refreŝ-rimed',

Kaj reu la paŝada tret'.
Alternu piedo post la pied'.
Dum sunascend' kaj nokta ŝed'
Trasonu via kant-ripet'.

Knabinoj himnos amon, sed
Vi paŝu preter la obsed'
Dum sunascend' kaj nokta ŝed'
Trasonu via kant-ripet'.

Nur roz' kun ora siluet'
Vin logu kvazaŭ per magnet'.
Dum sunascend' kaj nokta ŝed'
Trasonu via kant-ripet'.

## IMANTS ZIEDONIS

Ne paroladu ni pri ŝton' do
Silentu! Estas sakrament'.
Min griza ŝtono de - el monto
Helravas, kiel sunascend'.
- Ĉu griza ŝtono?
Supreniras
Je la signalo de tagmez'?
- Ĝi strebon al ĉiel' inspiras
Kiel obskuron venkis ken'.
- Sed griza ja?
- Jes, tute griza.
- Do, havas eton da seren'!?
- Instruas saĝ' en ĝi inciza,
Kiel obskuron venkis ken'.

- Kie instruas do la saĝo?
- Ĝin trovu en tenebroflu'!
Sekalon studu grajnoaĝe
Kaj grizan stoplokampon plu.
(Koturn' ektime kaŝos sin
Sub pelerin' de la patrin').
- Sed tamen, kie ŝton' supriĝas?
Kaj flagras per scintila al'?
Per pompo ĝia bel' ne riĉas,
Sed per pli latva gloranal'.

El latva tradukis:

N.Danovskij

## EL LA LETEROJ DE NIAJ KOLEGOJ

„Estimataj!

Kun danko mi kvitancas la ricevon de „IĴ" kaj mi ĝojas, ke la organizaĵo ne mortis, sed daŭrigas sian vivon kun plena espero pri estonto.

Mi ne estas profesia ĵurnalisto, sed kunlaboras al lokaj gazetoj pri esperantaj temoj, do mi povas aparteni al la membrokategorio B. Bonvolu informi min, kiel mi povas pagi la membrokotizon: ĉu vi konsentas akcepti niajn (estonajn) E-librojn en la valoro de la kotizo, t.e. 2,50 rublojn... Mi povas ankaŭ kunlabori al „IĴ".

USSR, Jean Ojalo, Talin

Red. respondo:

Vi ja scias jam, ke en USSR estas fondita la nova soveta E-Asocio. Eble oni aranĝos tiun problemon. Ni atendas viajn kunlaboraĵojn kun danko. Kompreneble, oni povas pagi la kotizon ankaŭ per libroj.

„I.Ĵ."

## PRI LA JARKUNVENO DE TEĴA EN LUCERNO

Kiel ordinare, ankaŭ ĉi jare en la kadroj de la 64-a UK de Esperanto en Lucerno, Svislando, okazos jarkunveno de TEĴA. La estraro de nia asocio petas ĉiujn kolegojn kaj membrojn de TEĴA, kiuj partoprenos la UK en Lucerno bv. serĉi tie - en la kongresejo - la estraranojn Thormodsen (la prezidanto), la ĝenerala sekretario D.Fabris, la redaktoron de „JĴ“ k.a. Oni serĉu ankaŭ anoncafiŝon.

* * *

## NIA POŜTO

Roberto Castello, Andorra. - Ni dankas al vi pri la kontribuaĵo. Via „Historio de Andoro“ aperos en „IĴ“, sed sendu al la redakcio kelkajn fotojn-ilustraĵojn.

O.Knihal - Prago, Harkovskij - Moskvo, T.Megalli, Rosbach: - La redakcio atendas kontibuaĵojn.

S-ino Anna Brennan, Roterdamo. - Ni atendas materialon pri la laboro de la Gazetara Servo de UEA, pri la ĵurnalista kunlaboro al kaj per la GS.

* * *

## KONGRESO DE LA INTERNACIA ĴURNALISTA FEDERACIO

En la 14-a Kongreso de IĴF en Nico (sept. 1978) estis elektita kiel prezidanto de la Federacio la eksa ĝia vicprezidanto Pol Parizo ( la malnova estis - Helmut Krous). Unua vicprezidanto estis elektita la svisa ĵurnalisto Franc Leni.

Pol Parizo estis en 1945 sekretario de la Eŭropa presagentejo, poste estis redaktoro de la gazetoj „La Verit“, „France Tirer“ kaj „Demin“. Poste laboris en „France Soir“ ktp.

ESTRARO DE TEĴA

Prezidanto - Olav Thormodsen, box 59, Haugesund, NORVEGIO.

Vicprezidantoj - Ivan Keremidĉiev-Esperov, kv.„Borovo“ blok 219 B, 1680 Sofia, BULGARIO.(Li estas ankaŭ ĉefredaktoro de „Internacia Ĵurnalisto“; Tadros Megalli, FRG, D-8381 Rossbach,(adreso ne kompleta); Nikolaj Danovskij, Sovetunio, 226014 Riga 14, ul.„Ostrovskogo“, 4-4

Ĝenerala sekretario kaj kasisto Dino Febris, Borgo Rossano 5, Cittadella,(Padova), ITALIO.

Membro-estraranoj: S-ino Anna Brennan, Niewe Binenweg 176, NL-3015, BJ Rotterdam, NEDERLANDO; Aleksandr Harkovskij, 117449 Moskva, p.k. 325 SOVETUNIO; A.W.Thomson, ANGLIO (adreso nekompleta); Donĉo Hitrov, 1163 Sofia, ul.Han Asparuh 61, BULGARIO.

* * *

Gekolegoj, la estraro petas treege ĉiujn vin: tuj sendu vian membrokotizon (1,50 dolaroj, 2 bulgaraj levoj aŭ la egalvaloro en via nacia mono) por la nuna 1979 jaro. La monon sendu laŭ viaj eblecoj al la prezidanto Thormodsen, la vicprezidanto Esperov aŭ al la sekretario-kasisto Dino Febris. Pagu ankaŭ por 1978 j.

* * *

Teĵanoj! Bonvolu kontroli ĉu via adreso estas preciza. Se ne, sendu al „I.Ĵ“ la veran adreson!

Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680 Sofia, kv. „Borovo, blok 219 B, BULGARIO, tel. 56-58-77

Redaktoroj: Krastju Karucin kaj Minko Conkovski